# juna amiko

aŭgusto 2014 • n-ro 2/2014 (140)



INTERNACIA
ESPERANTO-REVUO
DE ILEI
POR LERNANTOJ
KAJ KOMENCANTOJ

Survoje al lernejo
Kiel trovi loĝeblon?
LUME: El mia kolora vivo
LUDE: Ek al novaj aventuroj!
LASTE: Surprizoj en la sudo

## Ordigu la bildojn kaj vi konos la historion.

Aŭtorino: Sonmy Álvarez
Tradukisto: José de J. Campos Pacheco

1)

2)

3) Gratulon al la gajninto

4)

5)

6) Mi estos la unua, he, he.

7) Tute ne, estos mi

8) Kaj komenciĝas la konkuro

Respondoj: 1)-7, 2)-6) 3)-8, 4)-4, 5)-5, 6)-2, 7)-3, 8)1.

# Enhavo



**La kovrilo:** Japanaj knabinoj veturas ŝipe al lernejo. Foto: Joëlle Grosjean (legu sur la p. 4).

Interne: **Kukuo la feo** (bild-rakonto de Ángel Velazco, trad. José de Jesius Campos, CU). Dorspaĝe: **Fito** (bildrakonto de Sonmy Álvarez, trad. José de J. Campos Pacheco, CU)






**Eldonanto** de *Juna amiko*: Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI). Jura sidejo: CO de UEA, Roterdamo, Nederlando. **Retejo:** sub rekonstruo ĉe *ilei.mondo.info*. Vidu *lernu.net* kaj *edukado.net*. **Redaktoro:** Stano Marček (Zvolenská 15/21, SK 036 01 Martin, Slovakio), *stano.marcek@gmail.com* aŭ *redakcio@gmail.com*. **Lingva revizianto:** Baldur Ragnarsson (Islando), **Rubrikestroj:** Judit Felszeghy, Stefan MacGill (ĉiuj el Hungario), Małgosia Komarnicka (Pollando), Monika Molnar (Svislando), Elena Nadikova (Rusio), Samuel Bélisle (Svislando), Luiza Carol (Israelo), Baldur Ragnarsson (Islando). **Grafikisto**: Pavel Rak (CZ). **Kunlaborantoj:** Renée Triolle (FR), Raita Pihälä (FI). Presita en Slovakio. **Administranto:** Sebastian Cyprich, *sebacyp@jabster.pl*. **Landaj Perantoj** sur la p. 38. La sekva numero aperos en novembro. **Limdatoj por sendi kontribuaĵojn:** ĝis la fino de januaro, aprilo, julio kaj oktobro. **Jarabono** €16 en tiel nomataj A-landoj kaj €11 en B-landoj, laŭ la kategorioj de UEA (po €13 kaj €9 por mendo de 3 aŭ pli da ekzempleroj al la sama adreso).

**ISSN 0230 1318**

# Vojo al lernejo, vojo al lernado, vojo al lerniloj


Japana knabino survoje al lernejo

Fotoj: la aŭtoro

**Supozeble tiu ĉi numero de *Juna Amiko* atingas vin en aŭgusto. Tiam por multaj infanoj kaj junuloj venas la fino de longaj ferioj kaj devo iri al lernejo denove.**

Por kelkaj la longaj ferioj estas en januaro kaj la instruado ne paŭzas en julio, aŭgusto; tiuj personoj loĝas en la suda hemisfero.

Por kelkaj la frekventado de lernejo estas tre grava privilegio, ili ĝojas pri tiu eblo. Por aliaj ili preferus resti hejme kaj nenion fari; mallaboremaj.... pigraj... Aliaj devas helpi hejme kaj ne havas la ŝancon iri al lernejo; ili estas tristaj. Tamen ĉiuj el ni devas konsideri, ke ni ĉiam iel povas ion lerni, kaj ke tio estas tre valora paŝo. Se iu ne povas iri al lernejo, tiu povas aŭskulti avon, avinon, najbaron, kaj povas tiel ion ekscii.

Por kelkaj la vojo estas longa, foje per buso, foje per trajno, foje piede per laciga paŝado. Por kelkaj la irado al lernejo bezonas ŝipon: vidu la kovrilan foton, ĝi estis farita en Japanio en 2007. Estas proverbo: Tago, dum kiu oni nenion lernis, estas perdita tago. Tiu proverbo havas alian version malpli noblan: Fine de la tago oni enlitiĝos estante malpli stulta...

Ek al lernado por ni ĉiuj! Ĉu legante la revuon *Juna Amiko*, ĉu legante ion alian. Libroj ne mankas, same revuoj, same tekstoj el la Reto. Do kuraĝe antaŭen!

**Mireille Grosjean**
Prezidantino de ILEI


Ganvié, Benino



Les Brenets, Svislando


Seulo, Koreio


Shawinigan, Kebekio, Kanado



# Kiel trovi loĝeblon?

Help-materialo por ekzamenotoj. Rubrikestro: Judit Felszeghy

## I. La ideoj

**Junaj gefianĉoj Mila, M kaj Adamo, A babilas.**

M – Jen gazetoj, tie, sur la antaŭlasta paĝo estas multegaj anoncoj pri loĝebloj! Kaj dum vi studas ilin, mi malfermas interreton, kaj kolektas tie la utilajn informojn, kiujn indas rigardi. Ni restu inter niaj financaj limoj, ne forgesu noti la telefonnumeron! Morgaŭ estos sabato kaj ni povos viziti kelkajn. Ni certe trovos solvon ene de unu semajno!

A – Certe! Kaj tiam ni povos decidi pri la dato de nia geedziĝo! Tamen… mi eĉ sen loĝejo edzinigus vin…

M – Unue ni havu tegmenton super la kapo… kaj angulon, kie ni ne estas ĝenataj! … Intertempe mi jam trovis almenaŭ 6 vizitindajn lokojn! Kaj vi?

A – Lerta vi estas! Ĉu ĉiuj en nia urbo?

M – Rigardu! Tiu ĉi estas perfekta:

domparto kun aparta enirejo, kun du ĉambroj, kuirejo, taga ĉambro kaj banĉambro, en bele prizorgita ĝardeno. Eblas uzi ankaŭ la komunan kelon kaj la aŭtejon. Duonjara luprezo estas anticipe pagota, krom la uzo de gaso, akvo, elektro. Rigardu la bildon, ĝi plaĉas al mi!

A – Similaj kondiĉoj kiel ĉe viaj gepatroj… vi diris, ke vi ne emas okupiĝi pri ĝardenumado!

M – Tie ni estus luantoj, kaj ne ĝardenistoj… Sed mi ne vidas la prezon… Necesas telefone demandi…

A – Ankaŭ mi trovis ion, mi laŭtlegos ĝin, aŭskultu: Loĝeblo por ŝparemaj gejunuloj en urbocentra kvaretaĝa domo, aparta mebligita ĉambro kun uzo de vasta taga ĉambro kun balkono al la Granda Bulvardo, banĉambro, kuirejo, telefonnumero… Mi notos ĝin! Kaj jen, iu plia: Aparta loĝejo en la urbocentro kun ….

M – Ne daŭrigu tamen, mi petas, sed notu nomon, adreson, telefonnumeron. Kaj dum la semajnfino ni kolektos personajn spertojn!

# II. La vizitoj

**Krom la gefianĉoj Mila, M kaj Adamo, A la luigant/in/oj L1 kaj L2 babilas en la luotaj loĝejoj.**

A – Vere tre bela estas ĉio! Kvankam aŭton ni ne havas, sed la ĝardenon ni uzos kun plaĉo, kun miaj geamikoj, kaj poste… eble…

M – Al mi ege plaĉas tiu kuirejo, fridujo kun frostigilo, mikroonda forno, bakujo, panrostilo, fruktopremilo… ĉio jam estas!

L1 – Eniru ankaŭ en la banĉambron, ĉi tie ĉio estas nova! La granda bankuvo en la angulo, la ŝranketoj kun lampoj kaj speguloj, la lavabo, la necesejo, la kaheloj de la duŝejo.

M – Ho, mirinde! Mi revis ĉiam pri tiaspeca banĉambro…!

A – Ni estas tre kontentaj, kara sinjoro! Mi deziras enloĝiĝi kiel eble plej baldaŭ!

L1 – Bone, tiel ni povas interkonsenti. La luprezo estas 1400.

A – La luprezon mi pagas por duonjaro anticipe, kiel anoncite. Jen 1400 eŭroj.

L1 – Sinjoro…. khm…. 1400 estas nur por unu monato.

•••

M – Komence ni tuj demandu pri la luprezo, kaj nur poste ni rigardu la lokon, ĉu bone?

A – Konsentite! Sed ĉi tie la luiganto anoncas malmultkostan loĝeblon.

M – Kvara etaĝo! Ĉu ne estas lifto almenaŭ? Kaj kiom altaj etaĝoj en tiu malnovtipa domo!

M kaj A– Bonan tagon sinjorino… Ni venis laŭ la anonco pri malmultekosta loĝeblo.

L2 – Bonan tagon. Envenu… La ĉambro estas tie ĉi, sekvu min…

M – Tiu…? Tiu ĉi estas kuirejo, ĉu ne?

L2 – Jes, tiu ĉi estas la kuirejo… komune uzota … kaj tie estas la pordo al via parto. La liton kaj la ŝrankon mi lasas por vi, senpage!

M – La fenestro… rigardas al… kio estas tie?

L2 – En via ĉambro ne eniros bruo de ekstere! Tiu ĉi estas lumiga ŝakto. Vi eĉ povas lasi la fenestron malfermita!

A – Iom malhele ĉi tie… Ĉu tra tiu pordo al la banĉambro?

L2 – Ne! La pordo estas ŝlosita. En la dorsa flanko en mia ĉambro, kontraŭ la pordo estas apogita ŝrankego. Tre simple eblas atingi la banĉambron! Ni reiros al la kuirejo, kaj de tie al la taga ĉambro… jen pordo al la koridoro, kaj la dua pordo estas la banĉambro!

M – Ah… vere tute simple!

L2 – Vi povas jam morgaŭ okupi la loĝejon! Sed… unu afereto…. infanojn vi ne volas ĉi tie, ĉu? Mi preferas trankvilon kaj silenton!

A – Sinjorino, vi povas esti trankvila: ni tutcerte ne volas infanon ĉi tie!

# III. La konkludo

**Gefianĉoj Mila, M kaj Adamo, A babilas.**

M – Ho, kara, miaj forto kaj espero elĉerpiĝis! Ni vizitis dek du adresojn! En la urbocentro kaj en la urborandaj distriktoj, en la regiono

de vilaoj kaj loĝkvartaloj de betonaj kuboj.

A – Ĉu vi rememoras, ĉe tiu urboranda dometo, la posedanto volis luigi la ĝardenan domaĉon, la tuto estis eble dek du kvadratmetra!

M – En iu alia tamen estis teraso sur la tegmento, tie videblis preskaŭ la tuta urbo!

A – Tiu estis tre impona! Sed la loĝejo tro kosta kaj nur unu eta ĉambro…

M – Mi ŝatus loĝejon almenaŭ kun balkono, eĉ se nur malgranda…

A –- Se en la subtegmentejo de la domo ĉe viaj gepatroj estus loĝejo, ankaŭ tie povus esti balkono… kaj loko sufiĉus por almenaŭ du ĉambroj, banĉambro.

M – Jes, nia subtegmentejo estas granda. Ni havas ankaŭ kelon kaj aŭtejon. Fakte, nia domo estas bone konstruita familia domo kun ĝardeno, sufiĉa por du generacioj.

A – Mi konas iun arkitekton, li estas amiko de mia patro kaj tre lerta fakulo.

M – Ĉu vi povus aranĝi rendevuon kun li, en la sekvaj tagoj? Kaj mi interesiĝos pri la opinioj de panjo kaj paĉjo.

# Taskoj

– Rakontu, sen rigardi la tekston, kiajn loĝejojn rigardis la juna paro!

– En kiaspeca loĝejo vi loĝas? Priskribu ĝin!

– Kiuj ejoj estas kutime en loĝejo, kaj en familia domo; kiuj ejoj troveblas en via loĝejo?

– Mebligu luigitan loĝejon, kaj la flankajn ejojn laŭ viaj bezono kaj plaĉo!

– Priskribu la loĝejon, kiun la gejunuloj vizitis unue, kaj poste priskribu ankaŭ la duan!

– Rakontu, per propraj vortoj (sen citaĵoj), kio okazis en la unua, en la dua kaj en la tria parto de supra dialogo!

– Imagu, ke vi deziras luigi vian loĝejon, kaj preparu mallongan, esencohavan anoncon!

– Verku mallongan anoncon imagante, ke vi volas lupreni loĝejon, ne forgesu mencii viajn pretendojn!

– Verku 7–15–frazan dialogon inter luanto kaj luiganto; poste la dialogon provu nur voĉe kun via partnero!

– Skribu leteron al via amiko/amikino, en kiu vi rakontas, ke vi ricevis tre bonan postenon por 1 jaro en urbo, sufiĉe malproksima de via loĝloko, kaj vi devas trovi loĝeblon. Rakontu en via letero, kiel vi sukcesis solvi la problemon, kaj fine invitu lin/ŝin al via nova loĝejo / apartamento.

# Vortklarigoj

*Lui* = Ricevi ion por ĝin uzi dum difinita tempo, pagante interkonsentitan prezon

*Mikroonda forno* = kuirilo, funkcianta per elektromagneta ondo, longo inter 1 m k 1 mm

*Lavabo* = Pelvo, fiksita ĉe la muro, kun krano(j) kaj defluilo

*Ŝakto* (lumiga ŝakto) = Spaco, en formo de vertikala truo, por ventoli aŭ/kaj lumigi ejojn sen fenestro eksteren.

*Urborando* = Ĉirkaŭa, ekstrema parto de la urbo, ofte kun malnovaj loĝejoj por malriĉuloj. Nuntempe ankaŭ por malaltkvalitaj, betonaj amasloĝejoj.

 

# El mia kolora vivo



Verkinto kaj desegninto: Pavel Rak



Se vi emas, kolorigu la bildetojn!

Saluton Verda! Kio okazis al vi?

Mi falis sur plankon, kaj iu hazarde tretis sur min.

Kaj poste oni forĵetis min! Mi ne plu estas utila, neniu bezonas min!

Sensencaĵo! Mi riparos vin, kaj vi denove desegnos!

Sufiĉas eta plastro...

... kaj iom da ŝnureto!

Ne gravas ke ĝi estas flikita. Provu desegni la kvarfolion SEN LA VERDA!

RAK




**Kio okazis al Verda? Ĉu eblis ripari ĝin? Kiel? Kio okazis al la malgranda krajono? Ĉu ĝi sukcesis akriĝi kontraŭ la muro? Ĉu tio doloris? Kio rustiĝis kaj ne malfermeblas? Akrigu viajn krajonojn kaj kolorigu la objektojn sur la bildoj!**



# Krokodiloj – la imponaj reptilioj

**Ĉu vi konas persone krokodilon? Mi ne aludas al esperantista krokodilanto! Mi parolas pri la vera besto.**

La krokodiloj estas inter la plej grandaj reptilioj en la mondo. La nila krokodilo kaj la mara krokodilo estas proksimume 7 metrojn longaj. ”Krokodiluloj” estas la orda nomo por krokodiloj, kajmanoj, aligatoroj kaj gavialoj.

Estas pluraj diferencoj inter ili. Sed ni parolu pri la plej simpla: la dentoj. Ĉe la krokodiloj oni vidas la suprajn kaj kelkajn subajn dentojn, dum la buŝo estas fermita. Ĉe la kajmanoj kaj aligatoroj oni vidas nur la suprajn, kaj ĉe la gavialoj la buŝo estas multe pli longa kaj mallarĝa.

Krokodiloj estas en danĝero ĉar, eĉ se oni ne plu rajtas ĉasi ilin, malleĝaj ĉasistoj tamen faras tion por vendi iliajn haŭtojn kaj dentojn.

## Vivlokoj kaj vivmaniero

Krokodiloj vivas en varmaj regionoj. Ĉiuj specioj – krom la mara krokodilo – vivas en malsalaj akvoj. La vivodaŭro de



krokodilo ĉirkaŭas 80 jarojn.

Tiuj grandaj reptilioj estas tre bonaj naĝantoj, kiuj vivas en akvo kaj proksime de ĝi. Ili havas rempiedojn, skvamojn kaj – kiel dirite – longan buŝon kun akraj dentoj. Vivantaj en trankvilaj akvoj, ili atendas bestojn por kapti. Krokodiloj estas tre lertaj en la akvo, sed malpli surtere, eĉ se ili povas kuri tre rapide. En la akvo ili ĉefe uzas sian fortan voston por antaŭeniri.

## Nutrado

Ili nutras sin per fiŝoj, etaj akvo-bestoj aŭ grandaj bestoj, kiuj venas trinki ĉe la riverbordo. Kiam krokodiloj naĝas, oni vidas de ili nur la okulojn



*Saluton,
mi estas Samuel
el Svislando.
Mi kontribuas al
Juna Amiko per la
rubriko pri la
naturo. Mi volonte
ricevos viajn petojn
aŭ komentojn
al mia adreso:
samuel@noos.ch
Ĝis!*



kaj la nazon. Tio helpegas por kapti surborde la grandajn bestojn. Per sia granda kaj forta buŝo la krokodilo tiras ilin en la profundan akvon por ilin dronigi. Kontraŭe al tio, kion oni diras, krokodilo manĝas nur po 5-6 kilogramojn da viando semajne!

La plej grandaj specioj povas esti danĝeraj por la homoj. Krokodiloj mortigas centojn da homoj jare...

# Reproduktado

En la periodo de reproduktado la ina krokodilo fosas truon proksime de la rivera bordo. Ŝi demetas 10-15 ovojn. Poste ŝi kovras ilin per sablo kaj gardas la neston kontraŭ predantoj ĝis la eloviĝo, kiu okazas post proksimume 100 tagoj. Elirante el la ovoj, la etaj krokodiloj faras etajn kriojn. Tiam la patrino helpas ilin eliri el la sablo. En sia buŝo duone fermita la patrino transportas la idojn kaj subenirigas ilin al la rivero. La idoj estas 18 cm grandaj je la naskiĝo kaj 30 cm longaj post 5 monatoj. Tiuj etuloj certe kreskos… ĉu ili lernos Esperanton estas alia afero !

**Samuel**, Svislando
*www.noos.ch / samuel*

**La krokodilo**

trad. Lydia Zamenhof — franca popolkanto

La kro - ko - dil' i - ran - te al mi -
Mur - mu - ris ĝi mi - li - tan mar - ŝon
Ĉe Ni - lo - bor - do zu - mis ĝi - a

- li - to al la i - dar' a - di - aŭ di - ras
glu - te in - ter la den - toj vor - toj res - tis
kan - to kaj ĉi - o tre - mis ĉe la bord' de

jus. for - i - ris ĝi mu - ĝan - te kun eks
for, ki - am la faŭ - kon ĝi mal - fer - mis
Nil'. Sed su - bi - te ve - nis e - le -

- ci - to pri e - le - fan - toj pen - sis ĝi kun ruz'.
tu - te, la mal a - mi - koj tre - mis en la kor'.
- fan - to kaj mal a - pe - ris bra - va kro - ko - dil'.

Se la kro, kro, kro, la kro, kro,

kro, la kro - ko - di - loj mal a - pe - ris for en Nil', ni

ne pa - ro - lu plu. plu. o - e - e

o - e - o - e - o - o - o - o - e - o

o - e - o - e - o - o - o - o - o.

# Lingve...

*laŭ vikipedio*

**Esperantistoj foje uzas reptiliajn vortojn por paroli pri la lingvo-uzo de la homoj en esperanto-medio. La origino de tiuj esprimoj estas necerta, kaj ilia uzo estas iom ŝerca...**

• **Krokodili** – uzo de gepatra lingvo de ambaŭ interparolantoj (do inter samlingvanoj) en Esperanta medio . Ekz. rumano kun rumano en la rumana.

• **Aligatori** – uzo de lingvo, kiu estas gepatra de unu, sed ne gepatra de la alia. Ekzemple rumano kun ruso en la rusa. ”Ali-gatori”, ĉar oni parolas la lingvon de la ”ali-ulo”.

• **Kajmani** – uzo de lingvo, kiu estas gepatra lingvo de neniu el la du interparolantoj. Ekz. rumano kun ruso en la angla. ”Kaj-mani”, ĉar kaj unu kaj la alia parolas fremdan lingvon.

• **Gaviali** (aŭ malkrokodili) – uzo de Esperanto, kiam alia lingvo pli taŭgus, aŭ uzo de Esperanto, por ke ĉeestantaj ne-esperantistoj ne komprenu.

**Mario Bélisle**



# La sorĉa kanto-mondo

La rubrikon preparas: Malgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3, PL-59-300 Lubin, *malgosia.junaamiko@gmail.com*



**Kanto akompanas nin ĉie… Ni volonte aŭskultas ĝin, ĉar ĝi helpas vidi kaj krei alimaniere la mondon, ebligas revi aŭ transdoni niajn sentojn.**

Ĝi ankaŭ helpas akiri pli bonajn rezultojn dum lernado, ĉar lernantoj ludante samtempe lernas, kreskigas sian emocian engaĝiĝon en la lerno-procezo. Sufiĉas nur ekkanti, kaj ili tuj rememoras kanto-vortojn. Tiumaniere la lernantoj plej bone kaj sugeste alpropriĝas al si la materialon de la leciono, ofte ne konsciante, ke ili ekzercas fremdan lingvon. La laboro kun kanto havigas ĝojon kaj kontenton al la lernantoj, do ni ne malhelpu ĉi agrablecon de kantado dum la Esperanto-lecionoj.

Mi prezentas tre konatan kuban kanzonon la "Kamparanino" ("Guantanamera"), kiun prilaboris Joseito Fernandez laŭ la simplaj versaĵoj de la kuba nacia heroo Jose Marti kaj esperantigis Maritza Gutiérrez.

# Kamparanino

*De kie kreskas la palmo*
*mi venas homo sincera (bis)*
*por kanti simplajn korkantojn*
*al mia mondo mizera*

*Kamparanino, belega kamparanino.*
*Kamparanino, belega kamparanino.*

*Jen mia verso helverdas (bis)*
*kaj havas brulantan ruĝon*
*cervo vundita ĝi estas*
*celante montorifuĝon*

*Kamparanino, belega kamparanino*
*Kamparanino, belega kamparanino*

*Kun la malriĉa homaro (bis)*
*dividos mi mian sorton*
*sorto fluganta el monto*
*plaĉas al mi pli ol maro*

*Kamparanino, belega kamparanino*
*Kamparanino, belega kamparanino.*

**Provu desegni bildojn laŭ la vortoj de la kanto. Kreu demandojn laŭ la vortoj de la kanto.**

**Bonvolu sendi viajn proponojn, por ke ni ekkonu belajn kantojn el la tuta mondo.**

1
De ki – e kres – kas la pat – moj
La kan – toj spi – ras hel – ver – don
Mi dis – di – vi – das la sor – ton
Mi ve – nas ho – mo sin – ce – ra, De ki – e
kaj spi – ras ar – dan brul – ru – ĝon, La kan – toj
kun la mi – ze – ra ho – ma – ro, Mi dis – di-
kres – kas la pal – moj Mi ve – nas ho – mo sin – ce – ra
spi – ras hel – ver – don kaj spi – ras ar – dan brul – ru – ĝon
vi – das la sor – ton kun la mi – ze – ra ho – ma – ro,
por kan – ti simp – lajn kor – kan – tojn al ni – a
kaj ki – el cer – vo vun – di – ta en mon-toj
ĉar ti – u mon – ta to – ren – to ĝo – ji – gas
Refreno
mon – do mi – ze – ra Kam – pa – ra – ni – no,
ser – ĉas ri – fu – ĝon
min – pli ol ma – ro
be – le – ga kam – pa – ra – ni – no
Kam – pa – ra – ni – no, be – le – ga – kam – pa – ra – ni – no

# Legu kaj ĝuu

Rubrikestro: Małgosia Komarnicka,
ul. Kilińskiego 14/3,
PL-59-300 Lubin,
Pollando,
rete: *malgosia.
junaamiko@gmail.com*





## Ĉu reklami librojn?

**Ĉu vi rimarkis, ke preskaŭ senĉese oni reklamas lavpulvorojn, telefonojn, ĉipsojn, diversajn servojn, kaj ne estas reklamo por libroj?**

Plimulto de la homoj sian liberan tempon pasigas ĉe komputiloj, kaj ne legas librojn. Ĉu vi scias, ke estas homoj, kiuj dum la tuta jaro ne legis eĉ unu libron, kaj ke tiuj homoj eĉ estas la plimulto?

En Pollando someraj monatoj estas „morta sezono" por eldonistoj kaj librovendistoj. Tial oni promocias kampanjon "Somera legado". Ĝi provas ŝanĝi la kutimojn de poloj kaj montri, ke legi oni povas ĉie, en kafejo, en ĝardeno, dum vojaĝo, ĉe maro, en montaro... Unu el la "vizaĝoj" de la kampanjo estas Danuta Wałęsa (la edzino de la eksa prezidanto de Pollando Lech Wałęsa), kiu interalie substrekis: "La libro progresigas nin, vekas pripensadon, liberigas emociojn." Ni do eluzu somerajn monatojn por legi, legi kaj legi librojn. Ĉu en via lando estas simila situacio?

## Klubo de bona libro

La Biblioteko de *Juna Amiko* por junuloj kaj infanoj kreskas dank' al viaj proponoj. Bonvolu sendi viajn proponojn pri libroj, kiuj montras pozitivajn valorojn (ekz. toleremon, amikecon, apogon al malpli fortaj homoj), helpas kompreni vin mem kaj aliajn, kaj ebligas adaptiĝi al nia iom malgaja realeco. La proponojn kun titolo, aŭtoro kaj mallonga rekomendo sendu al la supra adreso, aldonante la noton: Biblioteko de *Juna Amiko.*

## Rekomendo

Por la Biblioteko de *Juna Amiko* Jose de J. Campos Pacheco, kuba kunlaboranto de nia revuo, rekomendas la librojn de Emilio Salgari, itala verkisto kaj ĵurnalisto, kiu verkis ĉefe aventur-romanojn, kies agadoj estas lokitaj en ekzotaj lokoj.




Lia plej fama libro estas pri la malajzia pirato Sandokan kaj lia lojala portugala kamarado Yanezie. Legante la librojn de Emilio Salgari, vi translokiĝos al belaj, ekzotaj lokoj, sed vi ankaŭ ekscios interalie, kiel gravas fideleco, kuraĝo kaj solidareco por venki obstaklojn.

La kuba Instituto pri Radio kaj Televido filmis multajn aventurojn de la kapitano Sandokan kaj la bildstriisto Angel Velazco kreis pri li belajn bildstriojn.



# En Vroclavo oni kantis Esperantajn kantojn

**La 23-an de Majo 2014 en Vroclavo (Pollando / Malsupra Silezio) okazis grava evento kune preparita de esperantistoj (la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo) kaj neesperantistoj (la Elementa Lernejo n-ro 9 en Vroclavo).**

En la Elementa Lernejo n-ro 9 je la 11a horo komenciĝis la dua Eŭropa Festivalo de Esperantaj Kantoj. Ĉi jare ĝi okazis sub patronadoj de Mila Van Der Horst Kolińska, konata esperantistino, honora membro de UEA kaj ILEI, kaj de la senatano de Pola Respubliko prof. Edmund Wittbrodt, iama ministro pri klerigado en la registaro de Jerzy Buzek, kaj prezidanto de la Senata Kolegio por Subtenado de Esperanto kaj ankaŭ de Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj. La festivalo okazas ĉiujare, ĉiun trian vendredon de majo, en du kategorioj: 1. koruso aŭ ensemblo, 2. solisto.

La publikon kaj la partoprenantojn en belege ornamita salonego fare de la lernejaj instruistinoj salutis la direktorino de la lernejo s-ino Anna Szanin kaj la kunordigantino de la evento la direktorino de la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo Małgosia Komarnicka, kiu gvidis la festivalon. Komencante ĉi tiun belan eventon, unue la tuta publiko kune kantis la Eŭropan Himnon en la lingvo Esperanto kaj poste Małgosia Komarnicka tralegis salutleterojn de la patronoj.




La premiitoj kaj organizintoj

La ĉi-jara festivalo havis rimarkeble pli altan nivelon ol la pasintjara kaj la ĵurio havis malfacilan taskon por aljuĝi premiojn. Dum interkonsiliĝo de la ĵurio Helena Biskup deklamis pole kaj Esperante popularajn versaĵojn kaj Bogdan Dembiec sukcese instruis la neesperantan publikon kanzoneton en la lingvo Esperanto „Hundo estas bona besto”.

Post longa diskuto la ĵurio en la kategorio "solisto" aljuĝis tri premiojn. Ricevis ilin: Kamila Jasionowicz el Złotoryja (la unua premio), Tobiasz Kubisiowski el Krakovo (la dua premio) kaj Bogusia Nowak el Nadolice Małe (la tria premio). En la kategorio "koruso aŭ ensemblo" la ĵurio decidis aljuĝi nur du premiojn. Ilin ricevis la ensemblo "Cicha woda" el Vroclavo (la unua premio) kaj dueto „Julia i Łucja" el Vroclavo (la dua premio). La ĵurio, kiu konsistis el du geesperantistoj, Ala Brodala kaj Zdzisław Koczarski kaj unu neesperantistino Marta Suchta, pritaksis ne nur muzikajn, sed ankaŭ lingvajn valorojn.

Ĉiuj ĉeestantoj ricevis diplomon, kaj la premiitoj diplomon, pokalon kaj donacopremion. Diplomoj estis disdonitaj ankaŭ al instruistoj, kiuj motivigis kaj preparis siajn lernantojn partopreni la festivalon.

La plenumantoj kaj iliaj instruistoj aŭ gepatroj, kiuj motivis, preparis kaj akompanis la junajn kantantojn, estis invititaj al bongusta manĝo, dum kiu oni priparolis la venontjaran festivalon.

Ĉiuj ĉeestantoj revenis hejmen tre kontentaj, promesante plivastigi sian repertuaron de Esperantaj kantoj. Ili certe estos bonaj ambasadoroj de Esperanto, des pli, ke jam estas preparita profesia surdiskigo de la premiitaj kantoj.

Sumigante la ĉi-jaran Eŭropan Festivalon de Esperantaj Kantoj la organizantoj konstatis, ke bela surprizo estis granda intereso de ne-Esperanta medio por prezenti Esperantajn kantojn, kies vortojn oni devus speciale ellerni.

La sekva festivalo okazos la 22an de majo 2015, kaj ni jam nun invitas esperantistojn ĉeesti ĝin.

Nome de la estraro de la Centro de Interkultura Edukado – Regiona Buroo Vroclavo

**Małgosia Komarnicka**

*http://s.ipernity.com/T/L/z.gif*


**La publiko**






Rubrikestro:
Elena Nadikova,
E-klubo “Betuleto”
Lernejo/Škola 56,
pr. Traktorostroitelej, 38
RU-428028 Ĉeboksari, Rusio
*lena_espero@mail.ru*



# La Monda Pupekspozicio

## Saluton, karaj legantoj!

**Hodiaŭ ni invitas vin vojaĝi al vera fabela lando – la lando de pupoj. Ili loĝas malproksime oriente – tie, kie leviĝas la suno. Tiu lando nomiĝas Monda Pupekspozicio. Ĝi situas en Japanio, en la urbo Higashikagawa, en Gubernio Kagawa.**

La fabela lando aperis antaŭ tri jaroj. Tiam, en 2011, okazis la Unua Monda Pupekspozicio. Ĝia “patro” – la fondinto – estas estimata sinjoro Etsuo Miyoshi, fama amiko de Esperanto. Danke al li ekde 2011 la Monda Pupekspozicio okazas ĉiujare kaj daŭras 9 tagojn.

La ĉefa organizanto estas la Komitato de la Monda Pupekspozicio. Inter sponsoroj estas Fondaĵo Akazawa (la plej granda plastrokompanio en Higashikagawa), la Urbo Higashikagawa, Interŝanĝa Kultura Asocio, Japana Asocio pri Gantindustrio, Asocio por la Konservado de la Malnova Hiketa, Shikoku Coca-Cola. 30 volontuloj helpas organizi la ekspozicion. Ĉiujare la Komitato invitas tiel nomatan Pupambasadoron. Li (aŭ ŝi) ĉiam estas civitano de tiu lando, al kiu estas dediĉita la Monda Pupekspozicio. La eventon apogas ankaŭ lokaj restoracioj, kiuj proponas pladojn el eksterlandaj kuirartoj al la vizitantoj de la urbo.

Krom en la ĉefa ekspozicia salono la pupoj ĉi-jare estos montrataj ankaŭ en pluraj malnovaj domoj en la urbo Higashikagawa. En la ekspozicioj la pupoj troviĝas en standoj. Apude staras afiŝoj, donantaj informojn pri la devenlandoj, la sendintoj, turismaĵoj kaj aliaj interesaĵoj. Promenante, la vizitantoj kvazaŭ vojaĝas tra la tuta mondo. La kolekto havas 1200 pupojn el 58 landoj!

Ĉiuj pupoj estas vestitaj en naciaj kostumoj. Multaj el ili ĝuste kopias tradician vestaĵon de diversaj popoloj. Ekzemple, la kroataj pupoj portas robojn faritajn el originalaj vestaĵoj el diversaj regionoj de la lando. Gastoj el Hungario, Pollando, Slovakio estas faritaj el porcelano. Multaj pupoj estas manfaritaj, kio faras ilin valoraj eksponaĵoj. Ofte pupa vestaĵo estas riĉe ornamita. Ekzemple, litovaj pupoj portas sukcenajn kolĉenojn, la polaj – kolierojn el koralo. La argentinajn ludilojn ornamas arĝentaj moneroj. Antikvaj homoj opiniis, ke pupo estas imago de reala homo. Vere, rigardu








ekzemple, al la vizaĝo de tiu pola pupo. Ĉu ŝajnas, ke ĝi rigardas al vi, kvazaŭ viva? Kvazaŭ ĝi volas demandi vin pri io…Eble, pri nia, homara, Mondo?

Kelkaj eksponaĵoj havas neordinaran historion. Ekzemple, la pupojn el Benino, Ganao kaj Togolando portis unue al Belgio la gvidanto de orfejo, kaj de tie sendis ilin al Japanio. La pupoj el Kamerunio estis faritaj de artisto, kiu gvidas virinan kooperativon. Ili ankaŭ faris longan vojaĝon: unue al Kubo, poste al Japanio.

De jaro al jaro la Monda Pupekspozicio iĝas pli kaj pli populara. Ekzemple, en 2013 la kvanto de vizitantoj atingis 15 000 vizitantojn. Kaj tio ne estas limo. En 2014 la organizantoj esperas superi tiun rezulton. La evento havas apogon en diversaj amaskomunikiloj. En la jam menciita 3-a Monda Pupekspozicio (2013) okazis 20 anoncoj en japanaj amaskomunikiloj kaj 30 eksterlande. Ekde la komenco de la iniciato – de 2010 – la pupsendintoj helpis aperigi raportojn pri la Monda Pupekspozicio en 31 landoj (TV, ĵurnaloj, radioj, ktp.)! Vera sukceso, ĉu? Artikolon pri Pupa Lando aperigis ankaŭ tiuj famaj Esperantaj revuoj, kiel "Esperanto" (junio, 2014) kaj "La Ondo de Esperanto" (novembro, 2011).

La Monda Pupekspozicio 2014 okazos inter la 3-a kaj la 5-a de oktobro en la urbo Higashikagawa de la 10a ĝis la 16a horo. Ĝi estos dediĉita al Argentino – la lando de la ĉijara Universala Kongreso. La ekspozicio okazos sub aŭspicio de la




**Raporto de la japana televido NHK**

Ambasado de la Argentina Respubliko en Japanio, Universala Esperanto-Asocio (UEA), Argentina Esperanto-Ligo (AEL) kaj Pola Esperanto-Asocio (PEA). Krom la ekspozicio mem la vizitontoj povos ĝui bruligan latinamerikan dancospektaklon. Ĝin prezentos gastoj el Argentino, profesiaj tangodancistoj Carolina Alberici kaj Enrique Morales. Ili ankaŭ gvidos 2-tagan atelieron pri tango. Krom tio en Argentino ĉi-jare estis anoncita konkurso de pupoj por sendi ilin al la 4-a Monda Pupekspozicio, dediĉita al tiu latinamerika lando. La iniciinto de la konkurso estis Provinca Ministerio pri Kultura Heredaĵo de Katamarko. Kontribuis al la Monda Pupekspozicio ankaŭ la Muzeo pri Arto kaj Regionaj Manfaritaĵoj de Argentino. En landaj ĵurnaloj aperis informoj pri tiuj eventoj.

Tiu ĉi neordinara interkultura evento povis okazi danke al bona volo de sinjoro Etsuo Miyoshi kaj al nia Internacia Lingvo. Ĉiujn pupojn sendis esperantistoj de la tuta mondo. Ili estas diversaj laŭ siaj profesioj, kutimoj, emoj ktp: juristoj, instruistoj, pastroj, kantistoj, politikistoj; junaj kaj ne tre ktp. Tamen ĉiujn unuigas amo kaj fideleco al Esperanto – la lingvo de amikeco kaj paco. Danke al ĝi vizitantoj de la Monda Pupekspozicio povas konatiĝi kun historio, tradicioj, kulturoj de diversaj popoloj kaj landoj. Vera sukcesa interkultura aranĝo, ĉu?

Se vi volas ekscii pli pri tiu interesa evento kaj rigardi mem la pupan miraklon, bv. viziti la paĝon *http://www.facebook.com/l/zAQE9x987AQFfVEO_BWTm7dCyYjAYOu0S2NECb04ZXUny-g/world-dolls-exhibition.org/*

"Interkultura Mondo" invitas vin viziti la Mondan Pupekspozicion 2014, kaj promeni tra la Fabela Mondo! Bonvenon! Ĝuu la vojaĝon kaj Esperanton!

Nia rubriko esprimas koran dankon al sinjoro Etsuo Miyoshi pro la disponigitaj materialoj, kaj deziras plian sukceson al la Monda Pupekspozicio!

Mireille Grosjean

# Hazarda renkontiĝo



**En konkurso en sia lando Nepalo Prakash gajnis la unuan premion. Tiu premio estis konkursi kun la gajnintoj de ĉiuj aliaj aziaj landoj. Li gajnis denove. Do li reprezentis Azion en la lasta tutmonda ŝtupo de tiu evento: konkursi kun po unu junulo el ĉiu kontinento.**

Li alvenis al la pinto. Lia premio estis partopreni unumonatan kunvenon de la Konsilio pri Homaj Rajtoj en Ĝenevo, Svislando: ĉeesti, aŭskulti, raporti, malkovri la funkciadon de tiu filio de Unuiĝintaj Nacioj. La unuan de marto 2010 je la 14a horo li alvenis el Katmanduo al ĝeneva flughaveno. Rapide, rapide li atingis UN-n por nenion mistrafi de tiu kunsido. Je la 15a horo li sidiĝis apud min en la salono de Homrajta Konsilio.

Mi deĵoris en Homrajta Konsilio nome de Universala Esperanto-Asocio, UEA. Mi vidis tiun junulon, kiu esploris pri la diversaj tradukkanaloj por atingi anglalingvan voĉon. Mi klarigis al li, kiel fari. Li rakontis al mi, ke li ĵus alvenis el Nepalo kaj ne tagmanĝis. Mi donis al li po unu pomon kaj bananon, kiujn mi havis en mia mansako. Mi sugestis, ke li forlasu la salonon por manĝi… oni ne piknikas en Homrajta Konsilio! Post lia minimuma pikniko mi montris al li la vastan domaron de UN. Ni ofte estis kune dum la monata kunsido de tiu instanco. Dum adiaŭo li demandis al mi: ”Ĉu vi konsentus iel iom gvidi min en mia vivo, kaze de gravaj decidoj? Mi vivas tute sola.” Mi jesis.



Lia familio forlasis lin, kiam li estis sesjara. Li devis almozpeti por ion manĝi. Li ne manĝis en ĉiu tago. Li ĉiam laboris paralele al iu instruado, rompis ŝtonojn, purigis iujn lokojn... Nun li brile sukcesis en du fakoj en la universitato kaj studas juron. Li estas tre talenta, kapabla, modesta, inteligenta, ĉiam ridetanta.

Li ne povas prononci mian nomon Mirejo; do li diras “Grand Ma”, avino. Li adoptis min kiel sian avinon. Tiel mi akiris plian nepon !

Mi vizitis lin en Katmanduo en 2012, mi restadis tie dum tuta aŭgusto kaj povis malkovri lian belan landon. Mi povis aŭskulti lin, malkovri lian malfacilan vivon, lerni de li multon. Li estas mia majstro. Li restadis en Svislando duan fojon en 2013 dum monato oktobro kaj faris plurajn prelegojn pri sia lando.

Kiel okazis, ke li elektis seĝon apud mia seĝo en Homrajta Konsilio? Neniu scias.

**Avino Mirejo**

*http://mirejo3.blogspot.ch/2012/09/self-made-man.html*

Małgosia Komarnicka

# Ekamu matematikon




**En la antaŭa numero vi jam konvinkiĝis, ke matematiko estas uzebla.**

Ĝi ja ebligas kalkuladon, ĝi instruas logikan pensadon kaj kreas nian imagon. Preskaŭ ĉiuj kampoj kunligas sin kun matematiko, kaj tial oni diras, ke matematiko estas la reĝino de la sciencoj. Laŭ Galileo Galiei "Matematiko estas la alfabeto, per kiu Dio skribis la mondon".

Bedaŭrinde, sed konstante, plimulto de lernantoj ne ŝatas matematikon. Tion provas ŝanĝi Bardhyl Selimi, la sekretario de Albana Esperanto-Instituto, la sekretario de albana ILEI-sekcio, eluzante sian pli ol 40-jaran sperton en instruado. Li skribis tre interesan libron *Amuziĝu per matematiko*. Laŭ ĝi mi provos proksimigi amuzan bildon de matematiko. Mi invitas ĉiujn tiujn, kiuj ŝatas kaj tiujn, kiuj ne ŝatas matematikon, ĉeesti en la lecionoj de matematiko kun *Juna Amiko*.

Mi preparis por vi malnovajn amuzajn aktivecojn, formulitajn dum la pasintaj jarcentoj, inkluzive la Mezepokon, kiuj, samkiel la fabeloj kaj proverboj, konsistigas la trezoron de la popola kulturo. Jen kelkaj el ili, ĉerpitaj el la libro de Bardhyl Selimi *Amuziĝu per matematiko*. Bonvolu tralegi la matematikajn taskojn kaj provu solvi ilin. Poste komparu viajn solvojn kun la solvoj proponitaj de Bardhyl. Ne ĉagreniĝu, se la tasko estas tro malfacila. Sur la paĝo 37 vi trovos solvojn de ĉiuj taskoj.

## La unua tasko

### La soldatoj de la defendoturo



Defendoturo en formo de regula sesangulo estas gardata de certa nombro de soldatoj, entute 48, kiujn ilia komandanto estas lokiginta po 16 en ĉiu flanko. Pli ĝuste li lokigis ilin jene: po kvar en ĉiu pinto kaj po ok en ĉiu interpinta spaco, do entute (4 x 4) + (4 x 8) = 48. Sed dum la batalo mortas kvar soldatoj. La komandanto ne volis evidentigi tion al la malamiko, tial li decidis reenvicigi siajn soldatojn tiamaniere, ke en ĉiu flanko la malamiko vidu denove po 16 soldatojn. Ĉu vi povas diveni lian novan envicigon?

## La dua tasko

### Aŭtonumero



La aŭtonumero el kvar ciferoj plenumas ĉi ecojn: ĝi donas reston 1 kiam dividiĝis per 2, 3, 4, 5, 6, sed plene dividiĝis per 11. Kiu estas tiu aŭtonumero?

## La tria tasko

### La sinjorino de la salamoj



Iu sinjorino, tre ĝentila kaj bonkora, deziris donaci salamojn al la hundoposedantoj. Ŝi donacis al la unua duonon de la salamoj kaj duonpecon da salamo por lia hundo. Al la dua ulo ŝi donacis similmaniere duonon de la restinta kvanto de salamoj plus duonpecon de salamo por lia hundo. Tiel ŝi agis ĝis la sepa hundoposedanto. Rezulte, la sinjorino ne plu havis eĉ unu salamon ĉe si. Ĉu vi povas diveni, kiom da salamoj posedis la sinjorino dekomence?

La lecionon preparis Małgosia Komarnicka
kun helpo de Bardhyl Selimi
[Bardhyl Selimi: *Amuziĝu per matematiko*,
Tirano 2009]

Anna Karlik

# Sun-ŝirmilo

**Brila somera tago, varma aero, en la mano bela porcio da bongusta glaciaĵo… Ĉu necesus io plia por ĝui vian someran ferion? Vi trafis: jes, gaja sun-ŝirmilo, kun kiu vi eĉ aspektos kiel gaja raneto.**



Ne necesas kuri tra vendejoj, eĉ ne serĉadi en interretaj paĝoj aŭ elspezi monon: preparu ĝin mem – eble kun helpo de via pli aĝa frato, aŭ amiko…

Bezonataj estas: tondilo, gluo, kolora kartona papero, paperaj cirkletoj (uzu por la okuloj du blankajn 3-centimetrajn kaj du nigrajn 1-centimetrajn), gumbendo (proksimume 30-centimetra), por lango ruĝa izol-bendo, du-tri centimetrojn longa.

**Paŝoj por preparado:**

1) Desegnu la suban ŝablonon sur paperon, laŭ la indikitaj mezuroj!
2) Ĉirkaŭdesegnu kaj eltondu la formon el kolora kartona papero!
3) Surmetu, algluu la malgrandajn kolorajn cirkletojn por ornami la ranon!
4) Kreu okulojn uzante la grandajn blankajn kaj la malgrandajn nigrajn cirkletojn! Unue gluu la blankajn okul-partojn sur la konvenan lokon. Poste gluu la nigrajn etajn okul-partojn sur la subajn blankajn okul-partojn. Poste faldu ilin supren.
5) Gluu la langon por via rano laŭplaĉe (por tio konvenas ekzemple ruĝkolora izol-bendo). Laŭlonge faldu la izol-bendon, kaj eltondu „V"formon ĉe la pinto de la lango!
6) En ambaŭ anguloj faru truetojn, tien vi povos enmeti la gum-bendon. (Por preventi disŝiriĝon de la papero ĉe ambaŭ truoj, vi povas uzi du etajn erojn el plasta suĉ-tubeto, sufiĉas 2, 1-centimetraj.) Enigu la gum-bendon unue tra la trueto, poste tra la tubeto, poste returnu ĝin kaj denove ŝovu tra la trueto, el la kontraŭa direkto, tra la truo. Fine faru nodojn, ambaŭflanke!

Ĝuu la brilajn, sun-radiajn tagojn, uzante la memfaritan ŝirmilon!






  

Zdravka Metz

Biografia filmo pri Johano Sorel:



# De Ĵakmel al Montrealo, escepta vojiro en mallumo

**La 6-an de aprilo en Montrealo estis prezentita filmo de Roger Boisrond, titolita *De Ĵakmel al Montrealo, escepta vojiro en mallumo.***

La filmo biografia, kie Johano mem rakontas pri sia handikapo, denaska blindeco; pri sia patrino kaj ŝia persistado, kiun ŝi transdonis al Johano, same kiel la kuraĝon kaj multajn aliajn kvalitojn.

Johano naskiĝis kaj kreskis en Jacmel (Ĵakmel), Haitio, sed post la baza lernejo li daŭrigis la studadon en Usono. Li revenis kiel diplomita advokato al Port-au-Price, la ĉefurbo.

Johano multege aŭskultadis la radion kaj tiel ekinteresiĝis kaj lernis lingvojn. Li mem laboris kiel radia prezentisto, tre engaĝita, organizante helpilojn por blinduloj, kaj eĉ kreis Societon por blinduloj en Haitio. La vivovojo portis Johanon denove al Usono kaj, jaron poste, en 1964 al Montrealo. Li estis korektanto de perkorespondaj kursoj por blindaj lernantoj de la franca, angla kaj Esperanta lingvoj.

Loĝante en Montrealo, kiel tre kontaktema homo, li aliĝis al diversaj asocioj kaj helpis krei novajn, ĉiam kun celo helpi al blinduloj aŭ enmigrantoj: Li fondis asocion por haitiaj blinduloj en Kebekio (Association des aveugles et amblyopes haïtiens du Québec, AAAHQ), kaj li plezure partoprenis Esperantajn kunvenojn en Montrealo kaj preskaŭ ĉiujn blindulajn Esperanto-kongresojn kaj Universalajn Kongresojn. Oni konas lin kiel volontulan kolektanton de blankaj bastonoj, skrib-maŝinoj, okulvitroj, kaj li ĉiam trovas iun por porti, aŭ mem portas aĵojn al Haitio. Eĉ tiu filma spektado kaj la koktelo estis organizitaj por kolekti monon por helpi blindulojn en Haitio.

Johano ĉiam havis intereson ne nur aŭdi pri io nova, sed li ĉiam provis samtempe ankaŭ helpi. Multaj spektantoj estis impresitaj pri lia socia implikiĝo. La filmo estas bona, eĉ se iom mankas dinamismo, ĉar ĝi ne montras sufiĉe da arkivaĵoj aŭ informoj pri Haitio; la babilado kun haitia kuzino en la kreola iom tro longas pro nekompreno (la aŭtoro de la filmo promesis estontan subtitolan tradukon).

Tiuj, kiuj ne konis Johanon, certe havis okazon paroli kun li kaj senti lian spontanecon, homan bonkorecon, lian deziron dividi kun tiuj, kiuj ne havas, kaj nepre aŭdi lin ridi kaj kompreni lian ĝojon por la vivo.

Johano kiel persono inspiras tiujn, kiuj pretas kunlabori kaj fari bonon. Li ĉiam subtenos tiajn homajn agojn por la feliĉo de iu – kiel li mem diras, por la feliĉo de iu frato.

(El *La Riverego* No 116)
Pli pri la filmo (france) ĉe:
*http://bit.ly/1qnUsyj;*
*http://bit.ly/1sOzLgM*

 

# Krucenigmo kun kaŝita proverbo



**HORIZONTALE:** A – Ligiĝi per edzeco – pronomo (mi + vi). B – Plenda ekkrio – dormigi infanon – deviga jura regul'. C – Okupi domon – simbolo de titano – turniĝo, rondiro. Ĉ – Kondiĉa subjunkcio – femala – unu el la musketeroj (Dumas). D – Sufikso (alta grado) – glob' – nordamerika indian'. E – Plus – pinglofolia arbed' – proviz' per ĉio necesa. F – Daŭro, ripetado (fam.) – sagace trompas – majuna. G – Altiri per io bona – part' de jaro – finaĵo de prezenco. Ĝ – Identa, egala – vira vesto – refleksiva pronomo. H – Parlamenta ĉambro – trinkvazo. Ĥ – Unuiĝintaj nacioj – trafo per pilko – dekdumonata. I – Membro-abonanto – kopii, fari la samon – modela, karakteriza. J – Malgranda – tro ŝparema – part' de kurbo. Ĵ – Nia planedo – manĝaĵ' el ovoj – malaĝa (rad.). K – Vernea kapitano – vidorgan' – konkluda konjunkcio. L – Kontakto (mll. de la revuo) – interjekcio de abomeno – kolektiva – lok', ĉambr'. M – Greka litero – estu surprizita – prapatrin'. N – Infinitiva finaĵo – parto de pantalono (fam.) – ruse „tio". O – Ukraina havenurbo – grandaj muzikaj instrumentoj.

**VERTIKALE:** 1 – Esperantista Vegetarano (inicialoj de la gazeto) – gren' por panfarado – malgranda monkvant' – laŭta voĉbruo. 2 – **Unua parto de la kaŝita proverbo** – romane: 500. 3 – Zoologia ĝardeno – adept' de hindua doktrino – limigita surfaco – enkonduka subjunkcio. 4 – Substantiva finaĵo – prepozicio (tute al) – prezenti al si en la spirito – sufikso indikanta tumoron – kvant' da materio. 5 – Litro – suferej' en Biblio – rilata al malgranda materiero – okupo, publika profesio. 6 – Instrument' – ventolad' – oleoriĉa frukto – paŝu, moviĝu. 7 – Akver' – tropikaj grajnoj – ĉefurbo de Kanado – vazo. 8 – Poseda pronomo – loĝeja mebl' – rilata al azia ŝtato – valora metal'. 9 – Senseksa pronomo – radiumo – grandaj tolaj ujoj – havanta ornamajn aperturojn – gramo. 10 – Romane „1" – stultrigarde – komponaĵ' por orgeno – purig' per akvo – adverba finaĵo. 11 – Rilata al senkonka heliko – rilataj al kantmelodio – sur iun lokon. 12 – **Dua parto de la kaŝita proverbo**. 13 – Fariĝos – forta deziro – haŭtaj ŝvelaĵetoj – bedaŭra interjekcio. **Helpo:** Giro, aĵura, om.

**KONKURSO!** La kaŝitan proverbon sendu ĝis la 31-a de oktobro 2014 al la aŭtoro: *stano.marcek@gmail.com*. Unu el la solvintoj (decidos loto) ricevos donace la verkon *107 Krucenigmoj en Esperanto*.

Premion pro ĝusta solvo de la krucenigmo en la antaŭa numero gajnis Viktor Alikin el Rusio. Gratulon!

**Solvo el la antaŭa numero:**

| | 1 | 2 | 3 | 4 | 5 | 6 | 7 | 8 | 9 | 10 | 11 | 12 | 13 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| A | **L** | O | R | N | O | ■ | **H** | O | T | E | L | ■ | **P** |
| B | **A** | L | I | A | ■ | F | **U** | N | E | L | ■ | T | **O** |
| C | **R** | E | M | ■ | P | U | **N** | D | O | ■ | K | I | **S** |
| Ĉ | **M** | O | ■ | K | A | R | **D** | O | ■ | P | A | R | **T** |
| D | **O** | ■ | L | I | T | I | **O** | ■ | V | E | N | A | **D** |
| E | **J** | ■ | K | A | R | O | **B** | ■ | I | R | A | N | **O** |
| F | **Ŝ** | O | ■ | L | O | Z | **O** | S | ■ | D | L | ■ | **M** |
| G | **U** | R | S | ■ | N | A | **J** | A | D | O | ■ | J | **A** |
| Ĝ | **L** | I | E | N | O | ■ | **A** | L | O | ■ | M | U | **Ĝ** |
| H | **D** | O | N | I | ■ | O | **S** | T | ■ | F | O | N | **O** |
| Ĥ | **O** | L | D | ■ | Ŝ | A | **H** | ■ | D | I | L | U | **V** |
| I | **N** | O | ■ | B | I | Z | **O** | N | O | ■ | A | L | **E** |
| J | **N** | ■ | B | O | ■ | O | **M** | A | N | A | ■ | O | **N** |
| Ĵ | **E** | G | A | L | A | ■ | **O** | V | A | L | A | ■ | **A** |
| K | **P** | A | R | A | D | ■ | **V** | I | C | O | J | ■ | **S** |
| L | **A** | R | E | S | ■ | D | **O** | G | O | J | ■ | A | **S** |
| M | **G** | A | L | ■ | K | A | **J** | O | J | ■ | I | N | **A** |
| N | **A** | Ĝ | ■ | F | U | M | **A** | S | ■ | P | L | A | **Ĝ** |
| O | **S** | O | L | E | N | O | **S** | ■ | B | R | O | S | **O** |

# Ek al novaj aventuroj!



La rubrikon prizorgas: Monika Molnar



**Lastfoje estis pluveta printempa mateno, kiam Kontentulido kontente promenigis sian hundon, Fidelulon. La afero iom ŝanĝiĝis.**

Ne flanke de la hundo–promenigado, ja Fidelulo bezonas tiujn ĉiutagajn moviĝojn kaj Kontentulido volonte kuniras kun la hundo, sed nun estas pluvaj, someraj tagoj, kiuj ne vere feliĉigas niajn amikojn. Pluvas, pluvas kaj pluvas tagon post tago. Anstataŭ ludi ekstere, naĝi en lagoj, riveroj aŭ vagadi en arbaroj, sur montoj, niaj amikoj ĉiutage iras hejmen komplete malseke kaj pro tio eĉ Kontentulido estas malpli kontenta ol kutime. Alvenante hejmen estas lia tasko malplenigi la leterskatolon. Antaŭ ol malfermi la skatolon li ĉiam diras al Fidelulo:

– Kion vi pensas, Fidelulo? Ĉu ni trovos leteron en la skatolo aŭ nur la tagĵurnalon de avĉjo?

Kiam li trovas nur la ĵurnalon, li prenas kaj alportas ĝin al la avo. Avo legos ĝin unue kaj poste la aliaj membroj de la familio. Tio estas jam kvazaŭ tradicio. Hodiaŭ estas io en la skatolo, kio ŝanĝos la koloron de la griza tago!



– Jes! Ni ricevis leteron! Kie estas la aliaj? Mi ŝatus tuj vidi, kio estas en ĝi!

La aliaj ulidoj estis kune en la ludĉambro. Kelkaj legetis, kelkaj kartludis kaj kelkaj nur iom malĝoje rigardis la pluvon tra la fenestro.

– Amikoj! Ni ricevis leteron! Venu, venu, ni malfermu ĝin kune! Ĉu iu memoras, kiu rakonto kaj kiu enigmo estis en la antaŭa numero? Ĉi tie ni certe trovos ĝian solvon!

– Ho jes, mi bone memoras tiun numeron! – diris Grumblulido. – En ĝi estis bela rakonto pri bonaj amikoj, sed antaŭ la rakonto mi komprenis nenion!

– Ho, ĉesu grumbli! Mi jam memoras, pri kio vi parolas. Pri tiuj 12 linioj antaŭ la rakonto... Ĉu vi neniam aŭdis pri la presejaj koboldoj? – demandis Kontentulido.

– Pri kio? Pri presejaj koboldoj??? Kiuj ili estas? – grumblis Grumblulido.

– La presejaj koboldoj estas malgrandaj petolemaj hometoj, kiuj ĉiam kaj ĉie serĉas okazon por fari ŝercojn. Certe estis ili, kiuj algluis la 12 troajn liniojn sur la paĝo 25 de la maja revuo de *Juna Amiko*. Ne tiom gravas, ĉu ne? Estis nur ŝerco.

– Ŝerco, ŝerco... Mi ne ridis! – grumblis Grumblulido. – Do, montru al ni tiun leteron, ĉar la enigmo estis tiu tigro en spegulo kaj mi ne trovis la 7 diferencojn. Mi trovis nur 6. Eble ankaŭ tie kulpis la presejaj koboldoj, ĉu ne?

– Ni vidu, kio estas en la koverto. Jen, en ĝi estas la solvo pri la tigro kun... 7 trovitaj diferencoj!!! Do, ne estis la koboldoj, Grumblulido, estas vi, kiu ne trovis la 7-an diferencon. Nia amikino, Kira trovis ĝin! Vidu, jen la solvo:



– Ho, mi ne rimarkis la mankantan lipharon! Bravo Kira! Vi estis la plej bona kaj la plej rapida por solvi tiun ĉi enigmon. Ni sendos al vi donaceton. Ni dankas vin ankaŭ pro la rakonto, kiun vi sendis, kaj kiun ni tuj legos nun kune. Venu, amikoj, ŝajnas, ke tiu ĉi rakonto estas tre interesa.

Temas pri vojaĝo al la Luno!

– Al la Luno? Bonege! Mi ĉiam revis pri io tia. Ankaŭ mi ŝatus vojaĝi sur la Lunon! – diris Entuziasmulido.

– Ho, trankviliĝu! Mi scias, ke iom post iom tio ne plu estas tiom neebla, sed... sed certe ĝi estas terure multekosta kaj ne sendanĝera. – diris Timemulido.

– Ĉu vi pensas? – demandis Aventuremulido. – Ni ja estas bela grupeto de uloj kaj ulidoj kaj normale grupoj havas rabatojn por vojaĝoj...

– Pst! Ne timigu min! – petegis Timemulido. – Mi preferas legi la rakonton de Kira.

Kira Maire

# La kuniklo sur la Luno









Estis foje kuniklo, kiu volis iri sur la Lunon.
Oni diris al li, ke tio ne eblas,
sed li estis forte decidita kaj diris:
"Jes! Mi povas!
Vi vidos."

La kuniklo kaŝe kaj tre singarde iris al la loko de astronaŭtoj. Li bone observis, kiel la afero funkcias por la forflugo.






Li ne devis atendi longe la bonan momenton. Kiam li trovis la ĝustan spac-ŝipon ekirontan al la Luno, li tuj ensaltis.



Li estis malgranda kuniklo, do kaŝi sin en la kabino tute ne estis malfacile por li.



Kiam li eliris la spac-ŝipon, li ĉirkaŭrigardis kaj diris: ”Ho, kiom malgranda estas la Tero!”



”Mi pensas, ke vivi sur la la Luno povas esti same bone, kiel sur la Tero. Ĝi plaĉas al mi!” – diris la kuniklo.



Kiam la kuniklo reiris sur la Teron, li diris sen hezito: ”Mi volas esti astronaŭto!”.

## GRAVA ANONCO:

Karaj Legantoj, jen grava anonco de la NASA: ni serĉas aventuremajn junulojn, kiuj ŝatus partopreni nian eksperimentan flug-ekskurson al la Luno. Ni bezonas grupeton, kiu kune kun nia amiko kuniklo irus sur la Lunon por tie pasigi la feriojn.

Ĉu eble vi, kara leganto?

Aliĝu!

Venu!

Ĝuu!

– Jupiii! – ekkriis Aventuremulido. Ĝi estas granda okazo por ni! Amikoj, paku viajn valizojn, ni iros sur la Lunon kun kunikleto! Ne timu, ĉio estos en ordo. Kiam ni revenos? Mi ne scias, ĉiuokaze, mi ne volas maltrafi tiun ĉi vojaĝon, kiun mi sopiras jam delonge. Ek al novaj aventuroj! Ĝis la revido junaj amikoj! Ĝis la revido!




Luiza Carol

# Ŝipeto Narklo

***Ŝipeto Narklo* de Dmitrij Ŝevĉenko kaj Anna Striganova. Eldonejo "Impeto", Moskvo 2010. 47+6 paĝoj, 17 cm. Ĉarma fabelo pri ŝipeto, forlasita en iu norda maro, kiu ekvivas, kun same ĉarmaj koloraj ilustraĵoj. ISBN 9785716102101.**

Ĉu vi ŝatas naĝi aŭ flosi sur kaŭĉuk-floso? Ĉu? Se jes, ĉu vi iam ajn imagis vin kiel... ŝipeton? Ĉu vi ŝatus ludi tian ludon dum kelka tempo? Ĉu?




Jen kiel oni ludas tian ludon:

Vi fermas la okulojn... jes... kaj vi imagas vin kiel vivantan ŝipeton, kapablan promeni tra la maro, promenigi belajn birdojn, kompreni ties lingvon, babili kaj ekamikiĝi kun ili... Ĉu vi ŝatas la ideon? Nu, mi sugestis nur la komencon de la ludo. La reston vi povos elpensi mem, precipe se vi ricevos la libron "Ŝipeto Narklo", kiu proponos al vi mirindajn ideojn pri senfinaj eblecoj flosi, navigi, flugi, revi, travivi feliĉajn momentojn en la vivo kaj donaci feliĉon ankaŭ al aliaj...

La libro estas belkolora albumo kun 47 fotoj (mi kalkulis ankaŭ la kovrilojn) akompanataj de la teksto de la rakonto. La fotoj prezentas pupojn kaj pejzaĝojn, samkiel scenejajn dekoraciojn. Vi povas imagi la rakonton kvazaŭ pupteatraĵon. Eĉ pli! Je la fino de la libreto, vi trovos kelkajn paĝojn kun detranĉeblaj bildoj pri la ĉefaj roluloj kaj la ĉefaj surscenejaj dekoracioj. Pere de tondilo vi povas ekhavi vian propran pupteatron! Eventuale, vi povas alglui la detranĉitajn bildojn sur blankajn aŭ bluajn paperpecojn kaj krei viajn proprajn bildojn! Kion vi opinias pri tiaj eblecoj?

Nun indas prezenti al vi la ĉefan heroon de la rakonto. Ĝi estas la maljuna forlasita ŝipeto Narklo, kiu travivis spirhaltigajn aventurojn, post kiam ĝi ekvivis. Ĉiuj infanoj, kiujn mi konas, estas spertuloj pri ekvivigo de pupoj, pluŝbestetoj, ludil-veturiloj ktp. Do vi ne miros pri tio, ke Narklo ekvivis, ĉu ne? Tio estas bagatelo. Vi ja scias, ke aĵoj iel akiras vivon, kiam iu nepre bezonas ilin, ĉu ne? Sed vi ne scias, kiu estis tiu estaĵo, kiu realigis la ekvivigon de Narklo. Nu, temis pri mistera mevo, kiu aperis kaj demetis kvar ovojn sur la tegmenton de la ŝipeto, poste forflugis kaj neniam revenis. Kial la mevo elektis ĝuste tiun ŝipeton por siaj ovoj kaj kial ĝi neniam revenis... oni ne scias. Gravas nur, ke ekde tiam Narklo fariĝis tre tre bezonata ŝipeto. Al kiu? Ho, la ĝusta demando ne estas "al kiu" sed "al kiuj?" Ĉu vi divenas, kiuj bezonis ĝuste tiun ŝipeton?

Nu, temas pri la kvar birdidoj, naskiĝontaj el la forlasitaj ovoj... Narklo fariĝis la sola, kiu kapablis zorgi pri ili! Ĉu vi supozas, ke Narklo sciis tion ekde la komenco? Ne. Neniu el ni scias ekde la naskiĝo pri nia vera tasko en la vivo. Nur kiam ni amas iun kaj tiu amas nin, ni malkovras iom post iom, kial indis ekvivi.

La vivo de Narklo ne estis facila en la komenco. Jen mi citas por vi fragmenton el la rakonto, kie oni priskribas la unuajn tagojn kaj noktojn en lia vivo:

*Kiel estas kutime en la maro, post la tago, eĉ la plej hela, ĉiam venas la nokto. La maro iĝis malhela kaj kunplektiĝis kun la ĉielo en unu senfinan nigran universon. Kaj tiam al Narklo ŝajnis, ke en la tuta mondo li estas sola, kaj lamente kuntiriĝis malgranda, ĵus naskita, koro. La nokto estis senmezure longa, kaj same nemezureble granda estis la soleco.*

*Poste denove komenciĝis la tago, kaj la ondoj foje alportis al la malprofundo aĵojn perditajn de iu en ia fino de la mondo. Ili ankoraŭ konservis varmon de miraĵoj-bordoj. Narklo ne sciis, ĉu la maro havas finon, sed fabelajn nerealajn bordojn li imagis dum noktoj.* [.....]

*Kaj foje la ondoj alportis al Narklo libron. Legi li, kompreneble, ne scipovis, sed sur la oldaj malsekaj paĝoj videblis bildoj kun birdoj. La ŝipeto foliumis la libron kaj pensis, ke verŝajne nenio en la mondo estas pli bela, ol esti birdo, liberiĝi kaj flugi super malvarmaj ondoj, kun aro de aliaj birdoj.*

*La maro restis same glacia kaj senfina, kaj la ĉielo – same malhela, sed nun krom Narklo inter la ĉielo kaj maro elkloĝis ankoraŭ unu estaĵo. Oni ĝin nomas revo.*

Kiam vi legos la libron, vi ekscios, kiel Narklo sukcesis liberiĝi de siaj ĉenoj kaj atingi etan insulon, kiel li kreskigis tie la kvar birdidojn, el kiuj unu estis tute blua kaj nomiĝis “Birdo De Feliĉo”... Narklo ankaŭ sukcesis ekhavi flugilojn (jes, flugilojn!) kaj tiamaniere plenumiĝis lia plej kara revo: ekflugi. Sed pleje gravis en lia vivo la fakto, ke li kapablis ami kaj esti amata. Li ankaŭ akiris saĝecon dum siaj travivaĵoj. Eble la plej valora instruo, kiun la vivo donacis al li, troviĝas en la jenaj vortoj de la Blua Birdo De Feliĉo:

*...neniu momento en la mondo finiĝas, dum vi memoras pri ĝi.*

Ĉu vi ŝatas tiujn vortojn? Kion vi pensas pri ili?

“Ŝipeto Narklo” estas pensiga rakonto, kaj la agrablajn momentojn, kiujn vi pasigos kun tiu libro, indos rememori, por ke ili ne finiĝu tro rapide. Cetere, vi povas donaci tiun libron ankaŭ al viaj pli aĝaj gefratoj, al gepatroj, geavoj ktp. Ĝi taŭgas por ĉiuj aĝoj.



Luiza Carol

# Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo

**Libro originale verkita en Esperanto kaj sekve tradukita al 22 pluaj lingvoj. Tibor Sekelj, Rotterdam 1994 (unua eldono: Antwerpen 1979). 94 paĝoj, 21 cm. ISBN 9290170484.**




Ĉu vi scias, kiu estas la plej danĝera besto en la ĝangalo de Amazonio? Ĉu vi pensas pri… la pantero? Ba. Ĝi ja estas tre agresema, sed unu sola kuglo bone trafita sendanĝerigas ĝin por ĉiam. Ĉu vi pensas pri… la vipero? Ba. Ĝi ja estas tre venena serpento, sed per unu sola injekto ni povas senvenenigi nian sangon, se ĝi mordis nin. Ĉu vi pensas pri… la piranjo? Ba. Ĝi ja estas tre danĝera fiŝo, sed ĝi malofte atakas homojn.

*Sidante en la pirogo*, de kelkmetra distanco, ni povis vidi, kiel la trunkoj, branĉoj kaj folioj, same kiel la herbejo kaj la tero, kovriĝas per milionoj kaj milionoj da formikoj. Ĉio fariĝis nigra, kvazaŭ nevidebla peniko sternus nigran farbon sur la tutan pejzaĝon La spektaklo estis akompanata de murmuro, kiu nun kreskis al surdiga tamburado.*

*Subite mi rimarkis, ke ankaŭ la riverbordo antaŭ ni kovriĝis per maldika sed dense nigra kovrilo. Tiuj soldat-formikoj montris, ke ili eĉ la fajron ne timas. Ili ĝin atakas kiel ardan malamikon. Kompreneble, la unuaj dudek aŭ kvindek mil formikoj forbrulas, sed trans la cindron de iliaj kadavroj pasas multaj milionoj da kunuloj. Ŝajnas, ke ili marŝas en difinita direkto, transirante ĉiujn osbstaklojn kaj neniigante antaŭ si ĉiun vivan estaĵon.*

*Ĉiam pli ka pli da ili amasiĝis ĉe la riverbordo, je kelkdek metroj de ni. Ŝajnis al mi, ke ili preparas atakon kontraŭ nin. Mi ekrigardis la knabon, kaj lia trankvila sinteno ankaŭ min trankviligis. Kaj nun okazis io, kion mi ne povis kredi, malgraŭ ke ĝi okazis antaŭ miaj konsternitaj okuloj. Multaj milionoj da formikoj kuniĝis sur mlagranda spaco kaj kunpremis sin en grandan bulon. Komence ĝi havis grandecon de piedpilko, sed la insektoj de la arboj kaj la tero iom post iom alvenis por pligrandigi per siaj korpoj la pilkon, ĝis la alteco de mezstatura viro.*

*Tiam, kiam eĉ ne unu formiko estis plu videbla sur la arboj, la pilkego, kvazaŭ movita per magia forto, ekruliĝis en la akvon.*














*La nigra bulo ruliĝis direkte al la mezo de la rivero, dum samtempe la akvofluo ĝin portis rivermalsupren. Kiam ĝi atingis la mezon, la pilkego daŭrigis la antaŭeniron, ĝis ĝi atingis la kontraŭan riverbordon.*

*Ni mute rigardis la eksterordinaran vojaĝon de la vivanta pilkego. Pro emocio ni eĉ ne vorton interŝanĝis.*

Kiel vi sendube divenis, mi ĵus citis fragmenton el la libro, kiun mi nun prezentas al vi. Ĝi nomiĝas "Kumeŭaŭa, la filo de la ĝangalo", ĉar la ĉefa heroo estas indiĝena knabo de Amazonio, kies nomo estas Kumeŭaŭa. Ĉu vi rimarkis en la supra priskribo ties ĉeeston? Priatentu la vortojn de la esploristo: "Mi ekrigardis la knabon, kaj lia trankvila sinteno ankaŭ min trankviligis." Jes, tiuj vortoj rilatas al Kumeŭaŭa. Kvankam knabo, Kumeŭaŭa estas la kompetenta kaj respondecema ĉiĉerono de la esploristo en la ĝangalo. Vi jam rimarkis, per kia fido la aŭtoro rigardas sian junan gvidanton. La tuta libro rakontas pri iliaj travivaĵoj en la ĝangalo, kaj vi ja povas imagi, kiom multajn danĝerojn ili renkontis. Ĉiufoje la konsiloj de Kumeŭaŭa estis trafaj kaj saĝaj, ofte vivosavaj.

Ekzemple, ĉu vi rimarkis en la supra fragmento aludon al iu fajro, kiun la formikoj trapasis? Jen pri kio temas. Ĵus antaŭ la alveno de la formikoj, la duopo estis rostanta apron** kaj tiu falis en la fajron. La aŭtoro volis elpreni la rostaĵon antaŭ ol forkuri, sed feliĉe Kumeŭaŭa decidis, ke ili rezignu pri la manĝaĵo, ĉar devas kuri al la rivero senprokraste. Li ja pravis, ĉar malfrui kelkdekon da sekundoj povintus fariĝi katastrofo. Kiam ili revenis, ili trovis nur la skeleton de la apro! La formikoj ne nur estingis la fajron, sed ankaŭ rapidmanĝis la tutan apron…

En la romano okazas multaj aventuroj: la duopo renkontas panteron, sovaĝajn abelojn, danĝerajn fiŝojn ktp. Sed ili ankaŭ admiras belegajn pejzaĝojn, kiujn nur tre malmultaj homoj vidis iam ajn.

Ĉu vi scias, kiel Kumeŭaŭa akiris tiom multajn konojn pri la ĝangalo? Kumeŭaŭa loĝis en ĝangala vilaĝo, kie la geknaboj ricevis instruojn de iu maljuna saĝulo, kies nomo estis Maloa. Ne nur instruojn pri la ĝangalo tiu peris al siaj lernantoj, sed ankaŭ ĝeneralajn instruojn pri la vivo. Ĉiufoje kiam Kumeŭaŭa devis decidi ion aŭ klarigi ion, li ripetis respekteme kaj obeeme la diraĵojn de la maljuna Maloa. Tiuj diraĵoj, kiujn la knabo parkeris, estas tre pensigaj indiĝenaj proverboj, kiuj ege riĉigas la romanon. Jen mi kopios por vi nur kelkajn el tiuj proverboj, disigitaj en la tuta libro:

*"La akvon kaj la sovaĝbeston vi devas mastri, se vi ne volas ke ili mastru vin."*

*"En la akvo gardu vin de piranjoj, kaj de flatemulo sur akvo kaj sur tero."*

*"Gardu vian havaĵon, sed disdonu vian scion, ĝi ne elspeziĝos."*

*"Kiam la jaguaro malproksimas, ĝi tute sendanĝeras."*

*"La tempo kaj la neceso estas la plej bonaj instruistoj."*

*"Besto mortigas alian beston, nur kiam ĝi estas malsata. Homo ne devas esti pli malbona ol besto!"*

Kion vi pensas pri tiuj proverboj? Ĉu vi travivis momenton, kiam unu el ili pruvis sian veron? Ĉu hazarde unu el tiuj proverboj rememorigas vin pri alia proverbo, kiun vi jam aŭdis en via denaska lingvo?

Ĉu vi scivolas ekkoni ankaŭ aliajn proverbojn el Amazonio? Tiukaze, dum vi legos tiun libron, indos surpaperigi ĉiujn diraĵojn de la maljuna Maloa, kiujn Kumeŭaŭa mencias. Tiele, kiam vi finos la legadon, vi havos veran trezoron de memorindaj diraĵoj.

* Pirogo = Primitiva boato, farita el unu sola kavigita trunko.
** Apro = Sovaĝa porko.

# Surprizoj en la sudo



## La rubrikon prizorgas: Stefan MacGill

**Universala Kongreso (UK) en vintro – jen malkutima evento. El la naŭdek naŭ (99) ĝis nun okazintaj kongresoj de Universala Esperanto-Asocio (UEA) ĝi estas nur la dua, kiu okazis en la suda hemisfero (la unua okazis en Adelajdo, Aŭstralio, en 1997).**



Sed kun multaj bluĉielaj tagoj kaj temperaturoj ĉ. 18˚C temis pri tia vintro, pri kiu la plimulto el ni povas nur revi. La UK, kun 706 partoprenantoj el 57 landoj, okazis en la ĉefurbo de Argentino, Bonaero (*Buenos Aires* en la hispana).

Kelk-rilate eĉ pli imponis la konferenco de ILEI (la instruista Ligo, kiu eldonas ĉi tiun revuon). Tio okazis en la semajno antaŭ la UK en la ĉefurbo de la najbara lando – Montevideo en Urugvajo. Ironie, Urugvajo troviĝas pli proksime al Bonaero ol la ceteraj grandaj urboj de Argentino. Tiu konferenco okazis en la urba ateneo (altlernejo), sed ĝia Solena Inaŭguro (malferma ceremonio) okazis en la nacia parlamento, impona marmora palaco, kiun on konstruis inter 1908 kaj 1913, laŭ la planoj de itala arkitekto. Tiu konstruaĵo havas apartan signifon por esperantististoj, ĉar tie en 1954 la parto de Unuiĝintaj Nacioj (UN), kiu okupiĝas pri Scienco, Edukado kaj Kulturo (Unesko), aprobis, post longa kaj malfacila vojo, rezolucion favore al Esperanto – ĝi

La urbestrino kun la podianoj

rekonis, ke Esperanto estas vivanta, uzata lingvo, kiu povas bone kontribui al la celoj de Unesko (legu ties tekston en la Jarlibro de UEA). La malfermo de la konferenco, kiun ĉeestis ĉ. 90 personoj, okazis en belega salono, tuj najbare de la salonego, kie antaŭ sesdek jaroj estis akceptita la fama rezolucio.

La malfermo estis aparta, ĉar ĝin persone salutis la urbestrino de Montevideo, s-ino Ana Olivera.

Imagu, tiu ĉefurbo havas 1,4 milionojn da loĝantoj! Plie, salutis tre pozitive s-ino Lidia Brito, la direktorino de la regiona oficejo de Unesko – tiu oficejo troviĝas en Montevideo, sed servas por tri najbarajlandoj, kaj pri sciencaj aferoj, por la tuta Sudameriko kaj Karibio – do forta apogo de la nuna Unesko.

Fine de la Konferenco la plimulto pluiris per grupa vojaĝo al Bonaero por la UK. Temis pri busa vojaĝo de Montevideo okcidenten ĝis Colonia, kie la anaro povis pasigi kelkajn horojn en tiu pitoreska apudmara urbo. Pro sia 17-jarcenteca aspekto kiel portugala kolonia urbo, ĝi estas deklarita Monda Heredaĵo de Unesko. La tago finiĝis per rapidboata transiro de la rivero Plata (fakte jam markolo) por fine atingi la UK-urbegon.

Salutis ties inaŭguron la Ministro pri Edukado por la urbo kaj provinco Bonaero. Novaĵo por UK: la kvar labortagoj prenis la temon de la kvar kernaj kampoj en la Strategia Plano: *Konsciigo* (lunde), *Kapabligo* (marde – kiu enhavis la programon de ILEI: 'Tago de Lernado'), *Komunumo* (ĵaŭde) kaj *Kunordigo* (vendrede). Tag-ekaj seminarioj kaj tag-finaj forumoj donis al ĉiu kongresano eblojn en grupetaj rondoj kontribui ideojn kaj esprimi opiniojn.

Unuafoje en la historio de UK okazis futbalmatĉo. Lokuloj kunmetis kaj trejnis Esperanto-teamon, kiu ludis kontraŭ la armena teamo de Bonaero. Preskaŭ ĉiuj goloj okazis en la unua lud-duono. La verda teamo brave sukcesis atingi la gol-reton trifoje, sed la armenoj okfoje. La matĉo okazis sub la egido de internacia organizo, kiu grupigas teamojn ekster la FIFA-sistemo (Federacia Internacia de Futbalo). Sekve oni entuziasmas okazigi matĉojn en estontaj kongresoj.

Mankas spaco verki pli – resume – la ILEI-konferenco mirinde demonstris, kion povas atingi relative eta organizo en relative eta lando. UK estis agrabla, intima, produktiva kaj bonetosa kunveno.

Stefan MacGill, Vic-prezidanto de UEA

La publiko

Departamento de fotografía Del parlamento del uruguay.

# Inter la nuboj

**Jen krucenigmo pri aviadiloj – ne stratosfere malfacila. Eĉ ĝi estis verkita en aviadilo!**




## Horizontale ➔:

2. Kiu estas via preferata sidloko – apud _______ aŭ apud la koridoro? (8)
8. Prefere ne okazu aviadila ________o dum via flugo. (R 5).
9. Persono, kiu pagas bileton por iri inter la nuboj de unu urbo al alia. (8)
11. Kristana festo, kutime en aprilo. Komence kaj fine de ______o, la flugoj kutime estas plenaj.” (R 4)
13. Prefikso kiu signifas ‘komenc-‘. Kiam aviadilo eniras tondro-nubon, ĝi kutime ___dancas.” (2)
14. Homo, kiu laboras en aviadilo dum la flugo. (7)
17. Fiŝ’ kun rozruĝa karno, ofte servata en aviadiloj (R 4)
19. “Ĉu kafon aŭ teon?” “Kafon, ___ ___________.” (2+5)
22. Sufikso por nedifinita objekto. “Dum pli longa flugo, estas proponata manĝ___ , kutime kun trink___..” (3)
23. Kun prefero por multe da lumo (3-2-3)
24. La prononco de la 22a litero de la Esperanta alfabeto. (2)
25. Transportilon al iuj flughavenoj. Por atingi flughavenon Haneda en Tokio, prenu la ___________ ekde Hamamatsu-ĉo.
24. Irigilon. “Kiam la kamioneta ĉaro ekpuŝas la aviadilon malantaŭen, oni jam startas la unuan ________, kaj baldaŭ poste la duan. (7)
27. En holdoj de aviadiloj foje eniras la plej stangaj aferoj – eĉ la ______oj de dinosaŭroj. (R 3)

## Vertikale 🡓:

1. En la ______ tago de la semajno (dimanĉo), flughavenoj ne ripozas, precipe vespere tre intensa estas la trafiko. (4)
3. Kiam aviadilo sur la kurejo atingas la necesan rapidecon (V2), ______ la deteriĝo.
4. La deziro ĉe onta panjo enirigi bebon en la mondon – esperebl e tio ne okazas dum flugo (tio malofte okazas, sed malofte jes – la stevardoj scias, kion fari – estas parto de ilia trejnado! (R 4-2)
5 Dum deteriĝo, alteriĝo kaj flugado tra malstabila aero (kiel ekz. tra tondroŝtormo) devas esti ligita via ____________. (3-6)
6 Ege. Rigardi pejzaĝon desupre por instruisto de geografio estas _____ interesa afero. (3)

7 Parteto, frakcio. En mallonga flugo, du____ (½) de la vojaĝantoj havas nur unu etan valizon, kiun ili prenas kun si en la aviadilon. (3)

9. "Dum flugo, granda ________ devas resti en la holdo." (3-3). La lastan parton formas 22 horizontale.

10. Se la suno malaperas malantaŭ malgranda nubo, post momento, ĝi ___________. (2-6)

11. En la flughaveno oni ________ viajn valizon. Se ili superas la kilograman aŭ centrimetran limojn, vi devas pagi grandan monsumon. ☹

12. Plasta aŭ vitra tenujo por akvo, kolao, limonado ks. La sekurecaj kontrolistoj malpermesas la enporton de _________ kun likva enhavo. (6)

15. La homo kiu regas la aviadilon kaj respondecas pri ĝia sekura alveno. Feliĉe, li havas helpanton en komercaj aviadiloj (tio estas leĝo).

16. Pli pezaj bagaĵoj devas eniri la holdon. Se vi ŝanĝas aviadilon survoje, la bagaĵo kutime transiras sen via zorgo; sed ĉu ĝi aperos bonorde en via flugfino, tio estas ________a afero. (statistike 0,6% iel perdiĝas – minimume dumtempe).

18. La prononco de la deksesa litero de la Esperanta alfabeto kaj la oficiala mallongigo por la plej granda flugkomanio en Pollando. (2)

20. Ŝategon. Multaj entuziasmaj junuloj havas grandan ______ por aviado, kaj pasigas multajn horojn apud flughavenoj; ili rigardas la alvenantajn aviadilojn per binokloj. (4)

21. Kiam vi aŭdas aviadilon – ĉu tio estas bruo aŭ ______o? Tio dependas kiom vi ŝatas aviadilojn. (R 3)

23. Estaĵo de nia specio. Leonardo Da Vinĉi rigardis la birdojn zorge, kaj desegnis ilin. Li sopiris, ke unu tagon, _______ mem povos flugi.

Ĉi tiu krucenigmo estis kreita en alteco de ĉ. 6,000 metroj, en du-motora helica aviadilo de tipo ATR72 (konstruita en Italio kaj Francio). Tio okazis dum mallonga unu-hora flugo inter Beogrado (Serbio) kaj Budapeŝto (Hungario), kiel parto de du-etapa vojaĝo de Sofio (Bulgario) reen al la hungara ĉefurbo. **Stefan MacGill**



Baldur Ragnarsson

# 38 Poul Thorsen

**La dano Poul Thorsen (1915-2006) estis unu el la plej konataj verkistoj kaj aktivuloj en Esperantujo dum la dua parto de la lasta jarcento.**



Li estis profesie instruisto de la dana lingvo, sed aktivis kiel esperantisto ekde sia junaĝo. Lia esperantisma aktivado estis plej diversa. Li estis kunfondinto de Dana Laborista Esperanto-Asocio kaj la Komuna Konversacia Klubo en Kopenhago. Li estis direktoro de la eldonejo KOKO kaj kunredaktoro de la kultura revuo *Norda Prismo*. Li abunde verkis originale poezie kaj proze kaj kontribuis al *La Nica Literatura Revuo, Literatura Foiro, Monato* kaj *Fonto*. Li estis ankaŭ diligenta tradukanto el la dana lingvo. Liaj verkoj estis multe influitaj de siaj vojaĝaj spertoj en pli ol sepdek landoj. Lia poemo *Frua mateno en Sarajevo* estis premiita en la Belartaj Konkursoj de UEA en 1954.




La verkoj de Poul Thorsen estas diversaj. Lia unua libro (1948) estis informa verko pri lia hejmlando: *Faktoj pri Danlando*. Kvar jarojn poste aperis lia *Bibliografio pri dana literaturo tradukita en Esperanton*. Lia unua poemlibro, *Rozoj kaj Urtikoj*, poemoj originalaj kaj tradukitaj, aperis en 1954. En 1956 aperis liaj tradukoj de la satiraj poemetoj de Piet Hein, kiu nomis sin Kumbel, kaj en 1960 Thorsen mem aperigis faskon de samstilaj poemetoj sub la titolo *Pluk* imite al la dana *Gruk*.
En 1963 aperis la poemaro *Sen paraŝuto*, poemoj orginalaj kaj tradukitaj. Pasis pli ol du jardekoj ĝis la apero de komuna volumo de poemoj de Thorsen kaj Marjorie Boulton, titolita *Du el* (1983) kaj post pliaj dek jaroj aperis lia proza verko *Stokita vino*. La lasta libro de Poul Thorsen aperis en 1996, liaj rememoroj sub la titolo *Babile kun mi mem*. El tiuj oni klare konstatas lian personan evoluon kiel esperantisto, ke "transnacia lingvo grave ŝanĝas la karakteron de sia uzanto".

Poul Thorsen estas verkisto simpatia, kiu esprimas siajn temojn rekte kaj sendevojiĝe sen tendenco konfuzi la leganton. Li estas laŭnatura humoristo, kiu malofte perdas oportunon surprizi per bonhumoraj sintenoj. En poemo *En Grekio II* (aperinta en *Norda prismo* 1968) li priskribas sian viziton al la fonto Kastalis ĉe la monto Parnaso, por akiri poetecon per trinko el tiu fonto, kiu laŭ greka mitologio donas poetan inspiron. Li finas la poemon konforme al sia bonhumora karaktero:

*Piede de la Parnasa monto*
*elfluis la Kastalis-fonto,*
*kaj laŭ pagana interpreto*
*la gutoj plaŭdas pri sekreto:*
*Se vi la fridan akvon trinkas,*
*la vulgarismon ĝi estingas,*
*poeto iĝas vi kaj restas –*
*Parnaso kline mem atestas.*

*Humile antaŭ la Kastalis*
*por trinke mi genue falis.*
*Sed tiam tra cikada eĥo*
*surdigis min azena bleko.*

  

*Tuj poste ŝafa grego aris*
*kaj sanktan akvon tragargaris.*

*Decidis mi piedojn lavi*
*ol tiajn gekolegojn havi.*

Poul Thorsen havis preferon pri la bonhumore satira poemo. Sed li ankaŭ sciis melankolie kanti elegion:

*Madrigalo*

*Laŭ vojo stumblas laca grandaĝulo*
*kun dorso kurba kiel olda kverk'.*
*La faltoj faskas ombre de l' okulo,*
*kaj dolĉe vokas dormo de la ĉerk'.*
*Muelas monda muelil' kruela –*
*ne ĝenas ĝin la ĝojo nek la ĝem'*
*aŭ via sento en moment' malhela:*
*Tro baldaŭ ŝajnos vi klinita kverko mem.*

*Kaj kiel roso peza en mateno*
*nun pene flugas tristo el la sin',*
*ĝis la knabeto stumblas tra l' ĝardeno*
*kun florbukedo por ĝojigi vin.*
*Admonojn tuj forgesas vi severa,*
*renkontas lin pro floroj ĉirkaŭprem',*
*kaj lia korpo verga kaj tenera*
*konfirmas, ke vi iam estis tia mem.*

Ferenc Szilágyi, la ĉefredaktoro de *Norda Prismo*, iam nomis Poul Thorsen "nia plej serioza humoristo". Ne malpli Poul Thorsen estas memorata kiel ĉiam aktiva esperantisto ekde siaj junaĝo, instruanto de la lingvo, senlaca tradukanto kaj informanto pri sia patruja kulturo kaj fondinto kaj oficanto de diversaj kulturaj entreprenoj.
















## Solvoj el la p. 21



**La unua tasko:** La antaŭa pozicio (po 4 en ĉiu kulmino aŭ angulo kaj po 8 inter la anguloj) donis (4 x 4) + (4 x 8) = 48

Nun estas kvar soldatoj malpli, t.e. 44 entute. Ili povas enviciĝi po 5 en ĉiu angulo kaj po 6 inter la anguloj, ĉar (4 x 5) + (4 x 6) = 44

Kaj se mortus pliaj kvar soldatoj, kiamaniere vi envicigus la restintaj 40 soldatojn por ke la malamiko denove vidu en ĉiu flanko po 16 soldatojn?

Respondo: po 6 soldatoj en la anguloj kaj po 4 inter la anguloj.

**La dua tasko:** Ni trovu la malplejgrandan komunan multoblon (2,3,4,5,6) = 60

Sed 61 ne estas multoblo de 11. Ni devas trovi la malplejgrandan multoblon de 61 kaj 11 (61,11) = 671. La aŭtonumero konsistas el 4 ciferoj. Tiam ni ekhavos multoblon de 671 trovebla per la multipliko de ĝi per nombroj 1 - 14. Sed restas nur 671 x 11= 7381.

**La tria tasko:** La sinjorino havis dekomence entute 127 salamojn. (La unua estas ricevinta 64, la dua 32, la tria 16, la kvara 8, la kvina 4, la sesa 2 kaj la sepa 1 salamon.)

 

# Landaj Reprezentantoj – Perantoj de *Juna Amiko*

**Internacia peranto:** Abonservo de UEA, *uea@co.uea.org.* **Argentino:** Argentina Esperanto-Ligo, C.C. 2910 (Correo Central), AR-1000, Buenos Aires, *rosardek@fibertel.com.ar.* **Aŭstralio:** Libroservo de AEA, 143 Lawson Sreet, Redfern NWS 2016, *libroservo@esperanto.org.au.* **Aŭstrio:** Leopold Patek, Martinstr. 104/38, AT-3400 Klosterneuburg, *patek@esperanto.at.* **Belgio:** Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, BE 2000 Antwerpen, *financoj@fel.esperanto.be.* **Brazilo:** Brazila Esperanto-Ligo, SDS Bl.P, 36, Ed. Venâncio III, Sala 303, BR 70.393-902 Brasília (DF), *bel@esperanto.org.br.* **Britio:** EAB, Esperanto-Domo, Station Rd, Barlaston, Stoke-on-Trent ST12 9DE, *eab@esperanto-gb.org.* **Bulgario:** Mariana P. Evlogieva, Drujba 2, PO Box 18, BG-1582 Sofia, *interpres@interpres.org.* **Ĉeĥio:** Pavel Polnický, Na Vinici 110/10, CZ-290 01 Poděbrady II, *cea.polnicky@quick.cz.* **Ĉilio:** Hector Campos Grez, Casilla 231, Curico, *hecg@uea.org.* **Ĉinio:** GONG Xiaofeng, School of Environmental and Chemical Engineering, Nanchang University, Nanchang, CN-330031, *arko.gong@qq.com.* **Danlando:** Arne Casper, Bryggervangen 70, 4 tv, DK-2100 Koebanhavn, *arnecasper@dbmail.dk.* **Estonio:** s-ino Virve Ernits, Vallimaa 17-8, EE-93812 Kuressaare, *virveernits@hot.ee.* **Finnlando:** Hämäläinen Sylvia, F.E.Sillanpään katu 2 C 46, FI-33230 Tampere, *sylvia.h@kolumbus.fi.* **Francio:** Unuiĝo Franca por Esperanto, 4bis, rue de la Cerisaie, FR-75004 Paris, *zav@esperanto-panorama.net.* **Germanio:** Esperanto-Buchversand, Dr. Wolfgang Schwanzer, Pfarrer-Seeger-Str. 9, DE-55129 Mainz, *wolfgang.schwanzer@esperanto.de.* **Grekio:** Adda Sakelaropulu, Makariu 18, GR-14123, Likovrisi. **Hungario:** Boris Arrate Veranes, Emma u. 3a, HU-2030 rd, Hungario, *simio_2004@yahoo.es*, aŭ Abonasoft BT, Thierry Salomon. Bakts utca 1/3 III.1, HU-1093 Budapest, *abonasoft@gmail.com*, aŭ Oficejo de HEA, Kenyrmez u. 2. Budapest VIII. **Islando:** Islanda Esperanto-Asocio, PK. 1081, IS-121 Reykjavik, *esperant@ismennt.is.* **Israelo:** Savio Gian Piero, Rehov Menora 13/4, IL-53490 Givatajim, *saviogp@zahav.net.il.* **Italio:** Madella Vittorio Luisa, Luigia Oberrauch, Via Prampolini 8, IT-43100 Parma, *silkovojo@aliceposta.it.* **Japanio:** JEI, Sinzyku-ku Waseda-mati 12-3, JP-162-0042 Tokyo-to, *esperanto@jei.or.jp.* **Katalunio:** Kataluna Esperanto-Asocio, Apartat 1008, ES-08200 Sabadell, *admin@esperanto-es.net*, aŭ Pedro Garrote, Apartado 119 Esperanto, ES-47080 Valladolid, *hisperantouea@terra.es.* **Kroatio:** Marija Belošević, Sveti Duh 130, HR-10000 Zagreb, *marija@hes-keu.hr.* **Kubo:** Kuba Esperanto-Asocio, Apartado Postal 5120, CU-10500 La Habana 2, *kubesp@ip.etecsa.cu.* **Litovio:** Litovia Esperanto-Asocio, ab/k 167, LT-3000 Kaunas, *irenaa@takas.lt.* **Makedonio:** Makedonia Esperanto-Ligo, P.f. 242, MK-1000 Skopje. **Nederlando:** IEI, Riouwstraat 172, NL-2585 HW Den Haag, *iesperanto@versatel.nl.* **Norvegio:** Eldonejo de NEL, Olaf Schous vei 18, N-0572 Oslo, *inform@esperanto.no.* **Nov-Zelando:** Dewar G. David, PO Box 35849, Browns Bay, Auckland 0753, *gddewar@ihug.co.nz.* **Pakistano:** Jawaid Eahsan, P.O. Kesto / Box 26., PK-60000 Multan, *saluton123@EsperantoLand.org.* **Pollando:** Magdalena Tatara, Kozmice Wielkie 323, PL-32-020 Wieliczka, *mtatara@gmail.com.* **Portugalio:** Portugala Esperanto-Asocio, Rua Dr.Joao Couto 6. R/C A, PT-1500 Lisboa, *ap.esperanto@netc.pt.* **Rumanio:** Crancau, Ioan, B-dul Bucuresti 5/53, RO-4800 Baia Mare. **Rusio:** Halina Gorecka, pk. 67, RU-620077 Jekaterinburg, *sezonoj@mail.ru*, aŭ: Rusia Esperanto Unuiĝo, Pf. 57, RU-115318 Moskva, *esperant@au.ru.* **Serbio:** Zoran Ciric, Branka Miljkovica 14, YU-18000 Nis. **Slovakio:** Peter Baláž, Víťazná 840/67A, SK-95804 Partizánske, *petro@ikso.net.* **Slovenio:** Višnja Branković, Via Parini 5, IT-34 129 Trieste, Italio. **Sud-Afriko:** Colin Beckford, C2 Plaza Hill, 3 Bower Road, ZA-7800 Wynberg. **Svedio:** Leif Holmlund, Kågevägen 40 B lgh 1303, SE-931 38 Skellefteå, *leif.holmlund@telia.com.* **Svislando:** Christoph Scheidegger, Im Schleedom 6, CH-4224 Nenzlingen, *ch_scheidegger@bluewin.ch.* **Tajvano:** Reza Kheir-khah, Chung Ching Lu 105, TW-900-52 Ping Tung, Taiwan, China, reza@ms58.hinet.net. **Ukrainio:** Esperanto Centro, P.O. Kesto 4, UA-254200 Kiev, *urso@espero.freenet.kiev.ua.* **Usono:** Esperanto-USA, P.O. Box 1129, El Cerrito, CA 94530, *eusa@esperanto-usa.org.* **Venezuelo:** Peter Jaimez, Poŝtkesto 3482, VE-1010 A Caracas, *peterjaimez@tutopia.com.*

# Kukuo la Feo

Aŭtoro: Ángel Velazco Tradukisto: José de Jesus Campos























Aŭtorino: Sonmy Álvarez
Tradukisto: José de J. Campos Pacheco



















